Jaro VI * N.° 68ª Aŭgusto * 1909

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

**Augusto Jimenez Loira**

PINTOR LÓPEZ, 3 = VALENCIA

**La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos**



## La Kvina Kongreso

Ĉiu partoprenanto sendu tuj sian fotografaĵon adresite al «Esperantista Kongreso Barcelona». Sur la antaŭan parton skribu supre la nomon de via lando, malsupre tiun de via familio kaj urbo. Sur la posta parto estu via adreso.

La fotografaĵoj estas kolektataj. Tiu kolekto estos bona propagandilo, jam antaŭ la Kongreso.

Ĝi helpos multe al la kongresanoj, ĉar per ĝi ili povos vidi, kiuj de iliaj konatuloj partoprenos. Ili povos serĉi la nomojn de gesinjoroj, kiujn ili jam konas, sed kies nomojn ili estis forgesintaj.

Ĉe la oficiala Raporto pri la Kvara Kongreso mankis protokoloj pri diversaj kunvenoj de specialistoj. Por eviti similajn mankojn, en la protokolo el tiu ĉi, Konstanta Komitato de la Kongresoj decidis peti, ke ĉiu aranĝanto de specialista kunveno atente informu pri tio la sekretarion de la Kongreso kaj ne forgesu sendi al li tekston de la enpresotaj protokoloj.

La loka patronaro estas Lia Reĝa Moŝto Alfonso XII, Lia Princa Moŝto Karolo, Liaj Ministraj Moŝtoj, Prezidanto de la Ministraro, de Progresado, de Publika Instruado, de Internaj aferoj, de Fremdaj aferoj kaj de Ŝtato, Lia Grafina Moŝto Pardo Bazan, Liaj Sinjoroj Moŝtoj Prezidanto de Hispana Societo p. p. de Esperanto, Prezidanto de la Provinca Deputitaro de Barcelono, Urbestro de Barcelono, Rektoro de la Universitato de Barcelono, Eksministro Garcia Prieto, Maristaj generaloj Saralegui kaj Carlos, Ricardo Codorniu, markizo de Villalba de los Llanos, Prezidanto de la Komerca Ĉambro de Barcelona, urbestro de Vilasar, ĉefredaktoro de la «Veu de Katalunya», Casares profesoro de la Centra Universitato.

Oni prezentos projekton de organizo pri oficiala enskribo de la Esperantistaj Societoj kaj grupoj.

## 4ª CIRKULERO

Car ni supozas, ke tiu ĉi estas la lasta cirkulero, kiun ni havas la honoron dissendi al la esperantistaro, la Loka Oraganiza Komitato profitas la okazon por varme danki ĉiun personon, korporacion, societon kaj ĵurnalon, kiu helpis nin en nia laborado. Post nelonge, denove kuniĝos en Barcelono la samideanaro, denove mano premos amikajn manojn, kaj la jam fortika kverko de l'Esperanto elburĝonos novan branĉon floro-kaj fruktoplenan. Ni faris, kion ni povis por la plej granda sukceso de nia 5ª Kongreso, niajn malgrandajn fortojn ni metis al utilo de la komuna tasko; nun la sukceso dependas de ĉiu; ju pli granda estos la nombro de kongresanoj, des pli granda estos la impreso de nia kunveno sur la Urbon, sur la Landon kaj sur la tutan Mondon.

Jen la lastaj informoj, kiujn ni povas kaj devas komuniki al niaj samideanoj.

VOJAĜO.—La Komitato sendos al ĉiu kongresano gvidbroŝuron, en kiu li trovos ĉiun necesan informon por la vojaĝo kaj alveno en Barcelonon. La sperto montris al ni, ke la Libro de la Kongreso (kiun oni ricevos en la akceptejo en Barcelono) havas tro grandan volumon kaj ne estas ĉiam praktika por vojaĝado; plie, ĉiu kongresano gardas ĝin zorge, kiel memoraĵon de la Kongreso; tial ni decidis doni la Libron de la Kongreso en Barcelono mem, kaj antaŭsendi la nomitan gvidbroŝuron kun la sufiĉaj sciigoj por la vojaĝo. (Kompreneble, la kongresanoj, kiuj ne prenos la Kongreslibron en Barcelono, ricevos gin poŝte post la Kongreso).

Ni memorigas, ke nur tiuj, kiuj aliĝos al la Kongreso antaŭ la 1ª de Aŭgusto, havos la rajton ricevi la Kongreslibron senpage. Kiu aliĝos post tiu dato, povos aĉeti ĝin—se restas el ili—per la prezo de 3 frankoj.

HOTELOJ.—Ni petas, ke oni faru la mendojn pri loĝado, antaŭ la 15ª de Aŭgusto. Post tiu dato, la komitato zorgos, kompreneble, kiel ĉiam por la bona kontentigo de la samideanoj, sed ĝi ne povos atenti multajn detalojn, pro la granda nombro de aliĝintaj kongresanoj.

La VEGETARANOJ trovos ankaŭ konvenan restoracion. La prezoj difinitaj por manĝo estas: 8 frankoj por tag—kaj—noktomanĝo. Ĉar por ili ni faris specialan aranĝon, ili devos pagi la ĉambron kaj la matenmanĝon aparte, laŭ la jenaj prezoj:

| | |
|---|---|
| Klaso A. . . . . . . . . . . | 2'50 fr. po tago. |
| Klaso B. . . . . . . . . . . | 4'00 » » » |
| Klaso C. . . . . . . . . . . | 5'50 » » » |

ELDONOJ.—La sukceso de la poŝtkartoj eldonitaj de la Komitato montriĝis per tio, ke baldaŭ la eldono estis tute elĉerpita. Tial ni estis devigataj fari duajn eldonojn, kiujn ni esperas ankaŭ vidi elĉerpitajn tre baldaŭ. Por la unua oficiala poŝtkarto ni reprokduktis la saman belan desegnaĵon de S-ro Smith; por la poŝtkarto de la Floraj Ludoj, ni farigis novan desegnaĵon de nia samlanda desegnisto S-ro APA. Krom tiuj eldonaĵoj kaj la oficialaj markoj, desegnitaj de nia samideano S-ro Torné-Esquius, estas aĉeteblaj ankaŭ la jenaj verkoj:

«AKCEPTO».—Himno, Poezio de F. Pujula, Muziko de J. Lambert.—Prezo: 0'25 frankoj.

«LA RONDO».—Danco esperantista, dancota dum la Kongreso, verkita de sinjoro Tudo.—Prezo: 0'30.

«MISTERO DE DOLORO».—Triakta dramo de S-ro A. Gual, tradukita de sinjoro Pujula.—Prezo: 2'00 fr. Oni faru la mendojn rekte al la Komitato.

TEATRA PREZENTADO.—Por la teatra prezentado, kiu okazos sub la direktado de S-ro Gual, aŭtoro de «Mistero de Doloro», oni bezonos biletojn, kiujn oni povos aĉeti per tre malgranda prezo dum la Kongreso mem.

UNUA KONGRESKARTO.—Kiel ŝajne, ne tro memoras niaj samideanoj, la unua kongreskarto estas aŭkcie vendota. Ni jam sciigis per nia dua cirkulero la no-

mon de la unua proponanto; nun ni havas la plezuron sciigi, ke S-ro Paluzie el Barcelono proponis 50 frankojn. Ni memorigas, ke la limtempo de la akiro de tiu karto estas la 5ª tago de Aŭgusto je noktomezo.

REKLAMO.—La grandaj afiŝoj de la Kongreso estas nun dissendataj ĉien. Ni kore petas ĉiun grupon kaj societon, kiuj ricevos ilin, bonvolu zorgi por la konvena algluado en la plej videblaj lokoj de iliaj respektivaj urboj.

La afiŝojn ni sendas senpage; ni nur petas, ke oni repagu al ni la elspezojn de la poŝto kaj—se eble—iun kvanton por helpi la Kongreskason.

Por plenumi kelkajn petojn ricevitajn, ni vendos kelkajn restantajn afiŝojn po 3 frankoj ĉiu.

Dum la Kongresaj tagoj, la firmo «Hispano Films» faros kelkajn filmojn de la ĉefaj okazintaĵoj. Tial la kongresanoj povos, post la Kongreso, revidi sin kaj la nekongresanoj povos havi ideon pri la granda kunveno esperantista de Barcelono. Ni esperas, ke niaj klopodoj por altiri al ni tiun gravan firmon, ne restos perditaj, kaj ke multaj societoj mendos jam de nun al ĝi tiujn filmojn, kiuj tiel bone taŭgos por la propagando de nia lingvo dum la tuta jaro.

INSIGNO.—Ĉiu kongresano ricevos en la akceptejo specialan insignon, kiun li devos ĉiam surporti dum la Kongreso. Ni sciigas, ke ĝi estos la sola enirilo en ĉiun kunvenejon, kaj la Komitato tion decidis por faciligi la kontroladon kaj ŝpari al la kongresanoj la konservadon de paperetoj kaj biletoj, kiuj multe ĝenas, la jam tro ŝarĝitaj de laboro, kongresanojn.

La Prezidanto de la **Prop. Fako.**

D-RO J. BREMON MASGRAU.

REMEMORIGOJ.—1.ᵉ Prezoj de loĝado:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Klaso A. | Dormoĉambro kaj maten—tag—kaj vespermanĝo, po persono. | 5 frank. | po tago. |
| » B. | » » » » » » » » . | 7'50 » | |
| » C. | » » » » » » » » . | 12'50 » | |

2.ª—Oni pagu ĉiam kalkulante laŭ frankoj, *ne* laŭ pesetoj. Peseto valoras malpli ol franko, kaj la Komitato atentis tiun diferencon por fari la kalkulojn.

3.ª—Uzu nur la jenan adreson, *kiu estas la sola* bona kaj taŭga.

**ESPERANTISTA KONGRESO BARCELONO**

Per ĝi, jam de nun, la kongresanoj povas adresigi al si korespondaĵojn, aldonante........... *por Sinjoro*...........

# Floraj Ludoj

En nia Marta numero, ni rilatis pri temoj proponitaj. Ili estis kvardek unu, kaj poste oni aldonis unu de Japana Esperantisto.—«Leviĝanta Suno kaj Verda Stelo», poezio ne tre longa, por Japanaj Esperantistoj—*Belega Japana Belarta Objekto.* Kaj unu dua premio, 10 Sm. donacotaj de la gazeto «Svisa Espero», kiel *duan* premion, al la konkurso kiu havas pli da konkursantoj, kiu estas la n.° 1.

Se granda estas la numero de konkursoj, ne malpli granda estas tiu de la konkursantoj, kiu atingas ĝis 289, laŭ la jena detalo.

N.° **1**, 33.—**2**, 11.—**3**, 8.—**4**, 13.—**5**, 5.—**6**, 7.—**7**, 9.—**8**, 2.—**9**, 3.—**10**, 0.—**11**, 2.—**12**, 16.—**13**, 14.—**14**, 0.—**15**, 1.—**16**, 10.—**17**, 2.—**18**, 1.—**19**, 1.—**20**, 9.—**21**, 8.—**22**, 5.—**23**, 1.—**24**, 0.—**25**, 16.—**26**, 15.—**27**, 1.—**28**, 4.—**29**, 12.—**30**, 12.—**31**, 1.—**32**, 9.—**33**, 9.—**34**, 2.—**35**, 1.—**36**, 24.—**37**, 6.—**38**, 3.—**39**, 2.—**40**, 1.—**41**, 6.—**42**, 4.

# La Presarto en Hispanujo

Gis la komenco de la XV$^{a}$ jarcento, oni ne konis aliajn presmodelojn ol lignajn tabulojn: la tinkturon sur tiujn tabulojn oni faris per teda kuseneto remburita de kolharoj aŭ drapo.

Johano Guttemberg, kiu naskiĝis en Maguncio la 1400$^{an}$ jaron, tute ŝanĝis la pressistemon elpensante la plumbajn malkunigitajn presmodelojn, kaj la unuan prespremilon, kiu ŝajnis vinvera premilo. Al tiuj elpensaĵoj li dediĉis la plimultan parton el sia juneco.

Malpacoj inter burĝuloj kaj patricioj el Maguncio devigis liajn gepatrojn forlasi tiun urbon kaj sin transloki en Strasburgon, kie Guttemberg starigis lian novan presejon; sed post malmulte da tempo, pro manko de trankvileco en tiu lando, li revenis Maguncion, kie lia onklo, senpage, provizis al li laborejon, kaj en 1444 li povis presi gravan verkon, la Biblion je 42 liter-linioj po paĝo, post kiu li presis aliajn librojn, inter ili vortaron «Catholicon».

La elektisto de imperiestroj Adolfo de Nassau kaj aliaj bonaj personoj, monhelpis lin malavare.

Li mortis la 1468$^{an}$ jaron.

Jam antaŭ lia morto, la presarto disvastiĝis tra kelkaj landoj, unu el ili Hispanujo, kaj en ĝi Valencio okupis preferan lokon, ĉar je la fino de la XV$^{a}$ jarcento, en 1874, tie ĉi estis publikigata la verkon titolitan *Les Trobes* (1) *en lahors de la Verge Maria.* (La versaĵoj laŭdantaj la Virgulinon Marion) el kiu oni konservas unu ekzempleron en ĉi tiea Universitato, sen kovrilo kaj sen la paĝo sur kiun kutime oni enpresas la nomon de la presejo.

Les obres o trobes dauall ſcrites les quals erac
ten de lahors dela ſacratiſſima verge Maria
foren fetes e ordenades p los trobadors dei9 e
en caſcuna deles dites obres ſcrits rſponents a
una ſentēcia o ſeria ōl mes prop inſertal libel
o cartell ordenat p lo uenerable moſſe Bernat
fenollar preuere e domer dela Seu ōla inſigne
Ciutat de Valencia de manament e ordinatio
del Spectable ſenyor frare Luis deſpuig Me
ſtre de Munteſa e Viſrey en tot lo Regne de
Valencia Lo qual ſenyor com adeuot dela uer
ge Maria poſa en la dita Ciutat de Valencia
una Ioya a tots los trobadors a onze dies del
mes de Febr Any ōla natiuitat ō nre ſenyor
Mil. CCCC. Lxxiiii. co es bun troç ō drap
de uellut negre apte o baſtant p bun gipo qui
mils lohara la uerge Maria en qual ſeuol len
gua la qual Ioya per adir en aquella fonch lo
dit dia poſada en la caſa ōla cofraria de ſant
Iordi dela dita Ciutat e Iutgada a. xxv. del
mes de Mars del dit any Lo tenor o ſeria del
dit Cartell es lo mes prop ſeguent.

---

(1) Valencie *trobe* kastile *trova* sistemo de versaĵo.

En tiu ĉi numero ni reproduktas la unuan ornamitan paĝon de tiu fama kaj rimarkinda libro, la unua, kiu estis presita en Hispanujo. Gi konsistas el 66 folioj, 8 el ili nepresitaj kaj la aliaj 58 presitaj per Romanaj literoj.

Granda honoro estis por nia kara Valencia urbo, esti la unua, kiu tra Hispanujo dissendis tiajn lumajn radiojn, per la miriga elpenso de la senmorta Guttemberg, kaj estas hodiaŭ por la presejo, kiu bonkore akceptis nin, kiam ni estis definitaj kvazaŭ fremduloj, kie ni estas nun kvazaŭ hejmaj, kaj, kiu per tin ĉi gravuraĵo kaj aliaj elmontroj de la nova kaj la malnova presarto, prezentitaj en la Valencia Regiona Ekspozicio, sciigadas al ĝiaj vizitantoj, kiom povas fari *Tipografia Moderna* kaj *Valencio.*

Iu, NE VALENCIANO.

# Memorindaj datrevenoj de Aŭgusto

1.—1589. Clement mortigas la francan reĝon Henriko III.
2.—1901. Alvenas en Parizon la vojaĝanto Gaston Stiegler post sia rondirado ĉirkaŭ la mondo en 63 tagoj.
3.—1894. Estas mortekomdamnata en Lyon'o, Caserio, la mortiganto de la Franca Prezidanto Sadi Carnot.
4.—1892. Estas pafmortata en Honduras la prezidanto Ludoviko Bragan.
5.—1889. Inaŭguracio de la nova konstruaĵo de la Sorbono en Parizo.
6.—1880. La loĝantoj de Mompox (Kolombio) proklamas la sendependecon.
7.—1894. Oni trovas dinamitan bombon antaŭ la Elizeo en Parizo.
8.—1897. Estas mortigata la fama hispana ŝtatisto Antono Cánovas del Castillo.
9.—1803. La elpensinto Fulton provas en la rivero Sena la vaporŝipa navigacio.
10.—1866. Inaŭguracio de la unua transatlantika kablo inter Teranovo kaj Irlando.
11.—1901. Mortas en Napolo la fama itala ŝtatisto Crispi.
12.—1848. Mortas la elpensinto de la lokomotivo, Stephenson.
13.—1836. Restarigo en Hispanujo de la Konstitucio de 1812.
14.—1742. Naskiĝas en Cesena la Papo Pio VII (Bernabé Chiaramonti).
15.—1769. Naskiĝas en Ajaccio (Córcega) Napoleono Bonaparte.
16.—1808. La francoj eniras en Bilbaon (Hispanujo).
17.—1780. Naskiĝas en Parizo la poeto Beránger.
18.—1737. Unua Publika Ekspozicio de Pentrarto kaj Skulptarto en Louvre.
19.—1662. Mortas la mondfama geometriisto, filozofo kaj literaturisto Pascal.
20.—1850. Mortas en Parizo la famkonata novelisto Honorato de Balzac.
21.—1798. Naskiĝas en Parizo la glora historisto Julio Michelet.
22.—1828. Mortas en Montrouge (Francujo) la mondfama doktoro Gall, elpensinto de la Frenologio.
23.—1754. Mortas la germana poeto Haerner.
24.—1572. Memorinda nokto de Saint Bartelemy en Parizo.
25.—1270. Mortas en Tunizio Sankta Ludoviko, reĝo de Francujo.
26.—1884. Mortas en Madrido la poeto Antono Garcia Gutierrez.
27.—1635. Mortas la mondfama hispana dramaŭtoro Lope de Vega
28.—1810. Naskiĝas la fama kataluna filozofo Jaimo Balmes.
29.—1899. Oni solenigas en Romo la jarcenton de Pio IX.
30.—1905. Memorinda Suneklipso, videbla en Hispanujo.
31.—1811. Naskiĝas la glora franca literaturisto Teofilo Gautier.

Kolektis kaj tradukis.

ESPERANTISTO 17.206.

# Kroniko

[redacted]

En Zdislavice'o, apud Humpolec'o, en Bohemujo, mortis S-ro Herman Alferi grava propagandisto de Pacifismo kaj Esperanto.

En Petersburgo, la fama advokato deputato C. Pergament agema samideano verkisto de tre interesa propaganda esperanta libreto.

En Londono S-ro C. E. Lock plej fervora samideano kaj propagandisto.

Ni bedaŭregas kun iliaj familioj, ilian plendindajn mortojn.

[redacted]

**Anglujo.**—«La Esperanta Instruisto», nia klera amiko, diras, ke por fari ovon, oni prenas maizan farunon, amelon kaj oleon, kaj oni faras el tio miksaĵon al kiu speciala maŝino donas rondan formon. En alia fako la flavaĵo de la estonta ovo estas ĉirkaŭvolvita per albumeno, kiu anstataŭas la blankaĵon. Poste, per membraneto; fine per gipsa ŝmiraĵo, oni liveras al ĝi firman ŝelon.

Se per maiza faruno, amelo, oleo kaj albumeno, oni faras miksajon, kiu gustas kiel ovo, niaj gelegantoj povas tre ŝpari.

De la $29^{a}$ Majo ĝis la $1^{a}$ Junio, okazis la dua Brita Kongreso. La $12^{an}$ de Junio la kvara Skota, kaj ĉiuj anglaj grupoj klopodas ĉiam kaj ĉiam, kaj esperanto senĉese tie antaŭeniras.

**Belgujo.**—En Lille'o esperanto jam estas enkondukita en la lernejoj, kaj oficialaj diplomoj pri kapableco estas disdonitaj.

Oni tre laboras en Antverpen'o, Berchem'o Boom'o, Verviers'o, Willebrock'o kaj Bruĝo. Fondiĝis grupoj en Borgerhout'o kaj Willebrock'o, kaj en Sankta Trudo la lokaj ĵurnaloj faras bonan propagandon.

# Crónica

[redacted]

En Zdislavice, cerca de Humpolec, ha fallecido el Sr. Herman Alferi, importante propagandista del Pacifismo y del Esperanto.

En Petersburgo, el famoso abogado diputado C. Pergament, activo samideano autor de un librito muy interesante de propaganda de esperanto.

En Londres, el Sr. C. E. Lock, samideano de lo más fervoroso y propagandista.

Con sus familias sentimos muchísimo sus lamentables defunciones.

[redacted]

**Inglaterra.**—«The Esperanto Instructor», nuestro ilustrado amigo, dice, que para hacer un huevo se toma harina de maíz, almendra y aceite y de eso se hace una mezcla, á la cual una máquina especial da forma redonda. En otra parte la yema del futuro huevo se rodea de albúmina, que reemplaza la clara. Después, por una membranita, y finalmente por una untura de yeso, se le hace una cáscara sólida.

Si con harina de maíz, almendra, aceite y albúmina, se hace una mezcla que sabe á huevo, nuestros lectores de ambos sexos pueden economizar mucho.

Del 29 de Mayo al 1.º de Junio ha tenido lugar el segundo Congreso Británico. El 12 de Junio, el cuarto Escocés, y todos los grupos ingleses, se esfuerzan siempre y siempre y allí el Esperanto incesantemente va adelante.

**Bélgica.**—En Lille el Esperanto se ha introducido ya en los colegios y se han repartido diplomas oficiales de capacidad.

Se trabaja mucho en Antverpen, Berchem, Boom, Verviers, Willebrock y Brujas. Se han fundado grupos en Borgehout y Willebrock, y en San Trudo los diarios locales hacen una buena propaganda.

Kunveno de delegitoj, subdelegitoj kaj konsuloj de «Universala Esperanto-Asocio» okazinta en Huy'o, decas nian aferon. Oni pridiskutis la plej bonajn rimedojn por propagandi esperanton, kaj inter aliaj decidoj estis tiu fondi «Belgan Propagandistan Societon», kies geanoj faros paroladojn ĉe diversaj belgaj urboj.

La unua nacia esperanta kongreso okazis en Veviers'o la 27$^{an}$ de Junio en la sidejo de «L'Aide Mutuelle» (La reciproka Helpo), kun la ĉeesto de notindecoj de la mondo esperantista kaj de oficialaj delegitoj de Germanujo.

Ili estis afable akceptataj de la urbregantoj kaj poste efektiviĝis la Kongresa kunveno, kie oni decidis konstati ĝeneralan aliĝon al la Zamenhofa lingvo, tiel, kiel ĝi estis elpensita, kaj, kiel nature ĝin gvidos Lingva Komitato kaj Akademio.

Per festeno, toastoj kaj koncerto, finiĝis tiu elmontro de la potenca vivo de Esperanto en Belgujo.

**Danujo.**—Dum tiuj ĉi tagoj fariĝas en Aarhus'o la unuan danan jarkonvenon. Tie ankaŭ okazas Nacia Ekspozicio. La danaj esperantistoj ĝentile invitas ĉeesti la fremdajn samideanojn.

En Vejle'o, Randers'o kaj Ronne'o, estas aktiva propagando.

La firmo D. F. Asp., dissendas esperantosapon, «Verda Stelo» nomita, kun aldonita dana esperanta ŝlosilo.

En Kopenhago fondiĝis «Biciklista Klubo», kie nur oni parolos esperante.

Ni deziras longan kaj bonan vivon al gesinjoroj L. Hœst sekretariino de «Konversacia Esperantista Klubo» kaj Marteno Blacher, sekretario de «Societo de Esperantistoj», ĵus edziniĝintaj.

**Francujo.**—La Maja numero de nia estimegata kaj samtempa gazeto «Espero Katolika» dediĉas grandan parton el ĝi, al la Beatifiko de Jeanne d' Arc.

Una reunión de delegados, subdelegados y cónsules de la «Asociación Esperantista Universal», que ha tenido lugar en Huy, ha convenido á nuestro asunto. Se ha discutido respecto á los medios mejores para propagar el Esperanto, y entre otras decisiones hubo la de fundar una «Sociedad Propagandista Belga», cuyos miembros de ambos sexos harán conferencias en diversas poblaciones belgas.

El primer Congreso Nacional de Esperanto tuvo lugar en Veviers el 27 de Junio en el domicilio de «L' Aide Mutuelle» (La Ayuda Mutua), con asistencia de notabilidades del mundo esperantista y delegados oficiales de Alemania.

Fueron afablemente recibidos por las autoridades de la población y después se verificó la reunión del Congreso, donde se decidió hacer constar la general adhesión á la lengua de Zamenhof, tal como fué inventada y como naturalmente la conduzcan el Comité de la Lengua y la Academia.

Por un banquete, brindis y un concierto se terminó esta otra prueba de la potente vida del Esperanto en Bélgica.

**Dinamarca.**—Durante estos días se verifica en Aarhus la primera reunión anual. Allí tiene lugar también una Exposición Nacional. Los esperantistas daneses cortésmente invitan á los samideanos extranjeros.

En Vejle, Randers y Ronne, hay una activa propaganda.

La casa D. F. Asp., reparte jabón esperanto llamado «Verda Stelo», acompañado de una clave esperanta.

En Copenhague se ha fundado un «Club Biciclista», donde sólo se hablará en Esperanto.

Deseamos larga y buena vida á los Sres. L. Hœst, secretaria del «Club de Conversación Esperantista» y Martín Blacher, secretario de la «Sociedad de Esperantistas», que acaban de casarse.

**Francia.**—El número de Mayo de nuestra muy estimada y contemporánea revista «Espero Katolika», dedica una gran parte de ella á la Beatificación de Juana de Arco.

Gi proponas, okaze la V^a^ Kongreso, por pilgrimo al Lourdes de la Katolikaj esperantistoj, kiuj iros al Barcelona. La konsentantoj skribu al la redakcio de E. K., 10, rue Beranger. Paris.

Propone, con motivo del V Congreso, una peregrinación á Lourdes de los esperantistas católicos que vayan á Barcelona. Los que estén conformes, que escriban á la redacción de E. K., 10, rue de Beranger. París.

En tiu lando, kiel ankaŭ en Belgujo, Polujo kaj Portugalujo, esperanto estas enkondukita en kelkajn seminariojn. Ĝia movado en Francujo estas eksterordinara, neeble ĝin detale sekvi. La francoj forgesis, ke ilia lingvo estas la diplomata lingvo kaj tial lernita de la nefrancaj mezinstruitaj personoj, kaj libere, kaj decide, ili akceptas nian neŭtralan lingvon, kiel universalan interkomprenilon.

En aquel país, como también en Bélgica, Polonia y Portugal, el esperanto ha sido introducido en algunos seminarios. Su movimiento en Francia es extraordinario, imposible seguirlo detalladamente. Los franceses han olvidado que su lengua es la lengua diplomática y por eso la aprenden las personas no francesas medianamente instruídas y liberal, y decididamente aceptan nuestra lengua neutral, como universal instrumento de mutua comprensión.

S-ro L. Carlos ĉefredaktoro de nia simpatia samideano «Le Monde Esperantiste» verkis artikolon, kiu havas du-cent sep-dek vortojn kaj neniun literon supersignitan.

El Sr. L. Carlos, redactor Jefe de nuestro simpático samideano «Le Monde Esperantiste», ha compuesto un artículo que tiene doscientas setenta palabras y ninguna letra acentuada.

Grupoj fondiĝis en Korbeil'o kaj Limoges'o, kaj plie la konstanta movado de Parizo estas notinda tiu de Beaune'o, Abbeville'o, Tours'o kaj Monako. Alie ĉiutage estas pli granda la numero de gazetoj, kiuj simpatias pri nia afero.

Se han fundado grupos en Korbeil y Limoges y además del constante movimiento de París, es notable el de Beaune, Abbeville, Tours y Mónaco. Por otra parte, cada día es mayor el número de periódicos que simpatizan con nuestra causa.

Novan gazeton titolitan «Ĥina Esperantista Scienca Literatura Revuo», oni publikigas en Francujo, sub la direktado de S-ro Hoa. Li kaj liaj kunredaktoroj estas garantio de ĝia sukceso.

Una nueva revista titulada «China Esperantista Científica Literaria Revuo» se publica en Francia bajo la dirección del Sr. Hoa. El y sus compañeros de redacción son garantía de su éxito.

**Germanujo**.—Grandan sukceson atingis la «Germana Esperantista Kongreso» ĵus okazinta en Gotha'o. Augsburg estis difinita por la kvina.

**Alemania**.—Grande éxito ha tenido el Congreso Esperantista Alemán que acaba de tener lugar en Gotha. Ha sido designado Augsburgo para el V.°

Prave diras «Germana Esperantisto», la notinda gazeto, kiu esperantigis Germanujon, ke ĝia kroniko konstante kreskas. Ĝi sciigas pri novaj grupoj en Bochum'o, Krimmitschan'o, Donanworth'o, Helmstedt'o, Lossnitz'o, Schweidnitz'o, Tilsit'o kaj Wurzburg'o, kaj rilatas pri kvar-dek-unu aliaj grupoj, kiuj pli malpli laboras favore por esperanto.

Con razón dice «Germana Esperantisto», la notable revista que ha esperantizado á Alemania, que su crónica crece constantemente. Da noticia de nuevos grupos en Bochumo, Crimmitschau, Donauworth, Helmstedt, Lossnitz, Schweidnitz, Tilsit y Wurzburg, y hace relación á cuarenta y un grupos, que cual más cual menos trabajan á favor del Esperanto.

Alivoje oni sciigas nin, pri aliaj novaj grupoj en Kissingen'o, Volmarstein'o, Magdeburgo, Ruhland'o, Senftenberg'o, Wœrishofen'o kaj Stuttgart'o.

Por otro conducto se nos dice, de otros nuevos grupos en Kissingen, Volsmarstein, Magdeburgo, Ruhland, Seuftenberg, Wœrishofen y Stuttsgart.

Nia situacio estis premembarasa. Juna, fraŭla, fama pro viaj aventuroj, suspektinda pro via pasinta vivo; via restado ĉe mi okazigis primurmurojn... La mondumo malbonintence pensas... ili venis ĝis mi... Via akurateco por mia edzino, viaj donacoj, estis celo de komentarioj, kiujn mi ne povis toleri. La honoro de Mario estas por mi super ĉio... Dum mi ekzistos, neniu, per ia okazo, suspektos pri ĝi; kiu ajn ĝi estos.. Ne ŝajnu al vi strange, ke mi ne vin detenas, ke mi lasas vin tiamaniere eliri el mia hejmo. Feliĉe por vi, pri nenio vi min bezonas... mi ankaŭ ne, vin... Estu tre feliĉa. El tuta koro mi deziras al vi tion!

EMAN. (*Kun subita impulso*). Ho, ĝi ne povas esti! Mario, lasu nin solaj... Mi havas ion por diri al Jozef-Ludoviko... Mi ne povas foriri, ne parolinte kun li... (*Mario alproksimiĝas al Jozef-Ludoviko kvazaŭ rifuzante ilin lasi solaj*).

JOZ. (*Al Mario*). Lasu nin... Mi estas trankvila... Pli bone estas paroli malkaŝe.

## SCENO V

JOZEF-LUDOVIKO *kaj* EMANUELO

JOZ. Parolu! Diru ĉion, kion vi havas por diri al mi. Mi aŭskultas trankvile.

EMAN. Mi ja ne scias kion diri al vi! Mi ja ne scias kio okazas ĉe mi de kiam mi vidis klare en via koro!... Mi volis kredi tion ridinda, kiel strangaĵon de via karaktero... sensenca ideo, kiu trafrapis vin dum ekskuo de viaj nervoj, sen via

konscieco... Sed fosi en la suspekton kaj spioni nin... kaj ĝisveni al tio: kredi ĝin certaĵo... Turmenti tiun kompatindan virinon!... Kiajn inferajn nigraĵojn vi portas ĉe vi, kiuj ĉion mallumigas?... Je kiaj malhonoroj vi estas kapabla, kiu kredas ĉiujn eblaj?...

JOZ. (*En freneza nesinregeco*). Ne ekzistas malhonoro, je kiu mi ne kredas kapabla tiun, kiu naskiĝis en ĝi!

EMAN. Kion vi diris?... Ripetu tion, kion vi diris!... Kiu naskiĝis en malhonoro?

JOZ. Se vi min malamas, kiel mi vin, se vi malamas la memoron pri mia patro, kiel mi pri la via... mi diris sufiĉe. Kiu uzurpis naskiĝante nomon kaj heredon, tiu ja povas esti kapabla konduki alian fojon en mian hejmon la malhonoron kaj la malgloron... vi jam aŭdis. Eliru el mia hejmo.

EMAN. (*Detenante sin kun granda peno*). Malfeliĉulo! Ĉu vi tion diris?... Ĉu vi ĝin pensis?... Nu, se tra miaj vejnoj fluus sango fremda al via... nur unu sola guto... vi ne dirus tion!... Frato, frato! Vi estas, jes! Neniam tiu ĉi vorto eliris tiel profunde el la koro, kiel ĝi nun eliras por defendi kontraŭ vi, kontraŭ ŝia filo, la honoron de nia patrino... Ho, kompatinda frato! Mi diras al vi: frato! Nun ja mi sentas por vi kompaton... Dubi pri via patrino! Dum tuta vivo premvolvita ĉirkaŭ la koro tiu suspekto, venenanta la sangon guto-post-guto!... Dubi pri via patrino kaj malami ĉe mi ŝian memoron! Jes, mi nun komprenas, kial vi ne povis esti feliĉa, kial via vivo estis ĉiama kondamno; sen fido pri amo, sen konfido pri korinklino, sen io el kio faciligas la premegantan ŝarĝon de la vivo .. Mi re-

diras, ke mi vin kompatas, ke mi nun vin amas, kiel mi vin amis neniam... Eterna kondamnito de infera dubo... venu al mi, venu!... Mi ja iras vin savi! (*Altirante lin al si kaj lin karesante.*)

JOZ. (*Disiĝante*). Ni finu. Estas neutile, ke ni turmentu nin. En subita senpenso mi diris... kion mi bedaŭras esti dirinta al vi. Sed vi postulis la kialon de mia suspekto... Mi ĝin donis jam al vi. Eĉ unu vorton ne plu... se vi ne volas ke tiu vorto montru al vi la ekziston de kulpo, kiu por vi, feliĉe, ne ekzistas.

EMAN. Ĝi ne ekzistas, ne! Mi ja konas la historion, mi ja scias al kiu ĝi rilatas... al don Gabrielo, mia protektanto.

JOZ. Via patro!

EMAN. Kiel feliĉe, se vi estus prava! Se mi estus povinta lin elekti, mi ne estus elektinta alian patron!... Sed aŭskultu: don Grabielo raportis al mi multajn fojojn la historion, la lastan fojon mortante, jam en agonio, kaj en tiu horo, kiam la eterneco malfermiĝas antaŭ ni, neniu mensogas. Kaj por kio mensogi? Mia koro lin respektegis ja, kiel patron! Nia patro ĵaluzis pri sia amiko, preskaŭ sia frato..., kiel vi ĵaluzis pri mi... Li dubis pri nia patrino, sankta, beninda... kiel vi dubis pri Mario... Kial? Ĉar lia egoismo, kiel la via, estis grandega... Ĉar via amo ne estas amo, sed avido; ĉiongluta, absorbanta impulso, kiu ne toleras volon, nek vivon proprajn en la avidita estaĵo, kiu sufokas kaj disfrakasas la nepropran impulson... Via egoismo estas tiel granda ke vi estas malvastaj por vi mem. Vi estas, kiel tiuj tiranaj almilitantoj, avidaj pri

regopovo, al kiuj ne sufiĉas iliaj propraj posedaĵoj kaj rompas landlimojn por vasaligi la tutan mondon, se nur ili povus... Tio estas por vi ami! Plivastigi viajn regitlandojn... Tiel amis nia patro, tiel vi amas.. Kion vidis nia patro en la interrilatoj de don Gabrielo kun nia patrino?... Kion vi vidis inter Mario kaj mi... mildan simpation de du koroj puraj, honestaj; la inklinon per kiu la noblaj animoj salutas unu la alian dum ekkonatiĝo. Kun sindono, kun entuziasmo? Kompreneble! Tra tiuj ĉi maroj de la vivo, inter riskoj kaj ventegoj, oni salutas tiom da kaperistaj ŝipoj, tiom da fremdaj flagoj, ke ekvidante en maro, malproksime de bordo, nian standardon, ni metus la koron, kiel flagon, por respondi la saluton... Nu, la personoj ankaŭ portas sian standardon, kaj la koro avizas al ni, kiu estas kaperista, kiu estas fremda, kaj kiu estas la nia kaj kiel nian ni devas respondi. Ĝustrilate don Gabrielo ĉiam venigis tiun ĉi komparon, kaj ĝustrilate, mi nun venigis ĝin. Don Gabrielo sentis por nia patrino... li ĵuris tion je ŝia memoro, puregan inklinon, tiel nematerian, tiel nepridireblan, ke eĉ ĝi ne povis havi nomon! Fervoro de kredanto, entuziasmo de artisto, la plej alta eco de la animo, ĝia esenco... tio estis lia pasio... amo, se vi volas doni al ĝi nomon, sed amo, kiu oferas sin al si mem; amo, kiun oni ne povas konfuzi kun egoismo.

JOZ. Kiun vi ankaŭ sentis por Mario?

EMAN. Kiun don Gabrielo sentis por nia patrino... Kiun mi sentas, jes! Mia patrino kaj Mario bone povas kunesti en rememoro! Mortante li kon-

fesis al mi lastafoje la historion pri la sola amo de sia vivo... Li sciis, ke mia patro dubis pri la virteco de nia patrino, ke pro tio li neniam min amis, kiel filon. Li timis, ke iu, ĝi devus esti vi! metos iam en mian koron la teruran dubon pri la honoro de mia patrino... kaj li volis, ke mi eksciu la veron... kaj la veron mi diris, kiel li ĝin diris... Tiu viro neniam mensogis!

JOZ. (*Batalante kun si mem*). Ne, mi ne povas!... Kion mia patro diris, tio ankaŭ estas sankta por mi... Evidenteco pri la suspekto, kune kun rememoro el mia infaneco, kiu venenis mian vivon por ĉiam, kiu per unu fojo elsekigis en la koro la naivecon de la mia, la iluziojn de la juneco, maljunigante min en unu momento. Malbeninda kiso!

EMAN. Ĉu kiso? Donita kun patra fervoramo, mi sentis ĝin milfoje sur mia frunto!... Ĝi estas la sama, kiun don Gabrielo donis al nia patrino, en la momento kiam ili disiĝis... kiam doloregitaj de korpremiĝo, ili sentis sin kunigitaj de la suspekto en komuna malhonoro. Kaj antaŭ la virta konstanteco de la martira edzino, antaŭ la sankteco de la kalumniita virteco, tiu kiso, oferdono de admireco, la unua, la sola... purega, kiel la frunto de nia patrino, sankta kiel ŝia animo... Jes, mi portas ĝin tie ĉi, sur mia frunto... Mia nobla protektanto, mia vera patro, per ĝi ellasis sian animon... Mia patrino estis mortinta nelonge antaŭe, malproksime de mi... De via patrino kaj de mi!... li diris mortante kaj li kisis min sur la frunto... Kaj li mortis min kisante... Ĉu vi silentas? Ĉu vi kredas al la honoro de nia patrino? Ĉu vi kredas,

ke la sama senmakula sango fluas tra niaj vejnoj... ke mi estas via vera frato?... Nu, unu ĉirkaŭpremon, frato... kaj adiaŭ por ĉiam! (*Ĉirkaŭpremas lin*).

## LASTA SCENO

LA SAMAJ *kaj* MARIO

MAR. (*Tre kortuŝita*). Emanuelo! La manon... Unu kison! (*Kisas lin*). Tiel, sur la frunto... La kiso de via patrino!... Rigardu, Jozef-Ludoviko... (*Malcedante al lia rigardo*). Se estis ĉe ni kulpa pasio... mortigu min, dubu pri mi... dubu pri via patrino!

EMAN. (*Neniigita*). (Kio estas ĉi tio?... Kion mi sentis kisate? Ĉu estis kulpo ĉe mi?... Ĉu la ĵaluzo de mia frato vidis pli bone, ol mi mem en mia animo? Mi tie ĉi lasas la animon, disiĝante de ŝi!... Ĝi estis amo! Jes, la sola de mia vivo! Ŝin lasante, mi sentas, kion mi sentis neniam... Perfida koro!... Ho, for, for!) Adiaŭ! Estu tre feliĉaj... Pardonu la transflugan birdon, se ĝi agitis la trankvilecon de via nesto...

JOZ. (*Kortuŝita*). Adiaŭ, frato! (*Ĉirkaŭpremas lin*).

MAR. Adiaŭ! Ne por ĉiam...

EMAN. Por ĉiam, ne!... Ĝis kiam ni estos tre maljunaj, kaj ne povos resti malkonfidoj, nek suspektoj, inter ni... kiam ni ne povos dubi... eĉ pri ni mem... Tiam via frato revenos serĉi angulon por morti en la nesia hejmo.

FINO.

S-ro W. A. Vogler el Hamburgo organizas esperantistan ekskurson al Skotlando por samideanoj de la nordaj landoj de Eŭropo.

**Hungarujo.**—Laŭ la lastaj numeroj de nia estimata kolego «La Verda Standardo», oni starigis novajn grupojn en Selmeczbanya'o, Kolozsvar'o kaj Czrepaja'o, kaj ageme oni laboras en la ceteraj el la lando.

**Meksiko.**—En «Veracruz Moderno» ni legas, ke la propagando de la agema kunbatalanto S-ro Profesoro Florencio S. Veyro, fruktodonas, ĉar tiu gazeto enpresas la ekzercarojn de la multaj gelernantoj de nia kara samideano.

**Norvegujo.**—Por propagandi tie nian karan lingvon, oni aranĝas esperantan ekspozicion kaj oni petas esperantaĵojn de eldonejoj.

Speciale oni petas al firmoj komercaj aŭ industriaj, ke ili bonvolu sendi iliajn anoncojn, por sciigi pri tio al tieaj komercistoj. Grava afiŝo kun anoncoj estos presita kaj multe disdonita.

Pri la prezo de tiuj anoncoj kaj pri ĉio, rilate al tia afero, informas «La Klubo Esperantista» Stolmakergt, 6, IV, Kristiania.

**Nova Zelando.**—La tiea registara, fako por Turismo kaj Saneco estas ordoninta al siaj oficistoj la lernadon de esperanto.

**Polujo.**—Laŭ «Pola Esperantisto», nia kara kolego esperanto progresas en Varsovia'o, Kalisz'o, Sosnowice'o kaj Siedice'o.

**Rusujo.**—Ni tre dankas nian karan kolegon «Rusa Esperantisto», ĉar li publikis la portreton de la hispana reĝo Alfonso XIII.

**Saksujo.**—Dua Nacia Esperantista Kongreso okazos en Leipzig'o la 10an el la proksima Oktobro.

Multe da oficistoj de la grava vaporŝipa Kompanio Bohema-Saksa lernas esperanton. Tio estas por ni, esperantistoj, bonegan aferon, ĉar tiu ĉi Kompanio havas pli da ses dek vaporŝipoj, ĉiam plenaj da vojaĝantoj.

El Sr. W. A. Vogler de Hamburgo, organiza una excursión esperantista á Escocia para samideanos de los países del Norte de Europa.

**Hungría.**—Según los últimos números de nuestro estimado colega «La Verda Standardo», se han establecido nuevos grupos en Selmeczbanya, Kolozsvar y Czrepaja, y con actividad se trabaja en los demás del país.

**Méjico.**—En «Veracruz Moderno» leemos que la propaganda del activo compañero de lucha profesor Sr. Florencio S. Veiro, fructifica porque ese periódico ha insertado los ejercicios de los muchos discípulos de ambos sexos de nuestro querido samideano.

**Noruega.**—Para propagar allí nuestro querido idioma, se prepara una exposición esperantista y se piden cosas de esperanto á las casas editoriales.

Especialmente se pide á las casas comerciales é industriales, que tengan á bien enviar sus anuncios para dar conocimiento de ello á aquellos comerciantes. Un importante cartel con anuncios se imprimirá y será profusamente repartido.

Respecto al precio de esos anuncios, y respecto á todo lo relativo á tal asunto, informa el «Club Esperantista», Stolmakergt, 6, IV, Kristiania.

**Nueva Zelanda.**—La sección para Turismo y Sanidad del Gobierno de allí, ha ordenado á sus empleados el estudio del esperanto.

**Polonia.**—Según «Pola Esperantisto», nuestro querido colega, el Esperanto progresa en Varsovia, Kalisz, Sosnowice y Siedice.

**Rusia.**—Mucho agradecemos á nuestro querido colega «Rusa Esperantista», que haya publicado el retrato del rey de España Alfonso XIII.

**Sajonia.**—Un segundo Congreso Nacional Esperantista tendrá lugar en Leipzig el 10 del próximo Octubre.

Muchos empleados de la importante compañía de vapores Bohema-Sajona, estudian el Esperanto. Esto es para nosotros los esperantistas, un magnífico asunto, porque esta compañía tiene más de sesenta vapores, siempre llenos de viajeros.

**Turkujo.**—En Majo fondiĝis «Societo Esperantista de Kolektistoj» por disvastigi la lingvon internacian, precipe en Turkujo, kaj samtempe por diskonigi la sporton de l'kolektado kaj por interŝanĝo de poŝtkartoj, leteroj, poŝtmarkoj, k. t. p.

Ĉiu membro devas pagi po 2 Sm. jare.

Kiu varbos aliajn membrojn, tiu ricevos premiojn, kiujn li ŝanĝos ĉiujare.

Por pliajn sciigojn sin turnu al la dirita Societo, Deutsche, Post, Peca, Konstantinopolo.

**Usono.**—Tre bona Filadelfia'a gazeto enpresas la tre belan arion «Sankta ligil' kunigas nin» verkita de S-ro H. T. Tily.

S-ro Christen, la fama angla esperantisto, kreinto de la semajnaj kursoj, praktikas hodiaŭ sian sistemon ĉe la plej gravaj vendejoj, fabrikoj, k. t. p. el tiu lando, kie ajn estas multe da servuteco. Portreto de tiel simpatia sinjoro estis publikigata en Julia numero de la grava esperanta gazeto «Amerika Esperantisto».

En Pittsburg'o, Boston'o, Portland'o, Princeton'o, Manchester'o, Springfield'o, Cincinati'o, Aŭstin'o, Evansville'o, Colorado, Chicago, Barnesboro, Weeling'o, Cleveland'o, k. t. p., per nun aŭ alia rimedo, oni kreskigas la esperantistojn.

**Hispanujo.**—La grava Madrid'a gazeto «El Universo», incitas la lernadon de esperanto, rilatas pri Barcelona'a okazonta Kongreso, kaj rememoras, ke de 1903 ekzistas en Hispanujo Hispana Societo por propagando de Esperanto fondita en Murcia'o, kiu hodiaŭ fonkciadas en Burgos.

La esperantisto 18.645 daŭrigas sian propagandon en Kartagena'o. Sur la tiea gazeto «El Porvenir» ni legis bonan lian artikolon klarigante la celon de «Universala Esperanto-Asocio».

Ĉiusemajna gazeto el Alikante'o «El Collerot», daŭrigas la publikigadon de esperanta gramatiko.

Valencia'a Konservatorio de Muziko, anoncis, esperante, konkurson, kiu oka-

**Turquía.**—En Mayo se ha fundado una «Sociedad Esperantista de Coleccionistas» para difundir la lengua internacional, principalmente en Turquía, y al mismo tiempo para dar publicidad al sport de la colección y para cambio de postales, cartas, sellos, etc.

Cada miembro debe pagar á razón de 2 Sm. al año.

El que reclute otros miembros, recibirá premios, los cuales cambiarán cada año.

Para más noticias diríjanse á dicha sociedad, Deutsche, Post, Peca, Constantinopla.

**Estados Unidos de América.**—Un muy buen periódico de Filadelfia inserta la hermosa aria «La Santa liga nos une», compuesta por el Sr. H. T. Tily.

El Sr. Christen, el famoso esperantista inglés, creador de los cursos semanales, practica hoy su sistema en las más importantes casas de venta, fábricas, etc., de aquel país, en dondequiera que hay mucha servidumbre. El retrato de tan simpático señor se publicó en el número de Julio de la importante revista esperanta «América Esperantisto».

En Pittsburg, Boston, Portland, Princeton, Monchester, Springfield, Cincinati, Austin, Evansville, Colorado, Chicago, Barnesboro, Weeling, Cleveland, etc., por uno ú otro medio se aumentan los esperantistas.

**España.**—El importante periódico de Madrid «El Universo», incita al estudio del Esperanto, se refiere al Congreso que se ha de verificar en Barcelona y recuerda que desde 1903 existe en España una Sociedad Española para la propaganda del Esperanto, fundada en Murcia, que hoy funciona en Burgos.

El esperantista 18.645 continúa su propaganda en Cartagena. En el periódico de allí «El Porvenir», hemos leído un buen artículo explicando el fin de la «Asociación Universal Esperanta».

El semanario de Alicante «El Collerot», continúa la publicación de una gramática de esperanto.

El Conservatorio de Música de Valencia anunció en esperanto un concurso

zos la 31an el la proksima Aŭgusto kaj ĝin sendis al la ĉieaj esperantistaj grupoj. La franca ĵurnalo «L'Autunois», el Auton kaj aliaj, sciigas pri ĝi kaj laŭdas la utilecon de esperanto.

La Barcelon'a grupo «Esperanta Frateco», malfermis la 12an el la lasta Junio senpagan kurson klarigitan de sinjoro Alfredo Melis, en la Centro demokrata respublikana federala.

Manresa'a Ateneo Obrero invitis nin ĉeesti en ekzamenoj, kiuj tie fariĝis. Ni dankegas la ĝentilecon.

La bonegaj artikoloj de «El Castellano» kaj «El Diario de Burgos», sciigante nian Van Kongreson estis reproduktitaj de preskaŭ ĉiuj la hispanaj ĵurnaloj. El ili, la lokaj, tiuj de Barcelona, ne ĉesigas la propagandon.

Unu el la plej modestaj hispanaj esperantistoj, unu el la unuaj entuziasmaj apostoloj, kaj ankoraŭ kaj ĉiam apostolo, klopodas por ke la duobla apostolo pastro skolapiulo S-ro Mariano Planas prediku en ia religia akto de la Kvina Kongreso. Estus al ni agrablege, ke oni atingu tion, kio estas nia deziro.

Novan hispanan kolegon ni havas sur la areno; «Nova Sento» estas ĝia nomo. Esperantujo kaj Bilbao ĝia patrujo.

Ni korege gratulas la simpatian fraton, kiu komencas ĝian vivon salutante nian gloran majstron, la esperantan gazetaron, kaj ĉiujn la, por esperanto, pacajn batalantojn, kaj esprimas sian senkondiĉan fidelecon al «Fundamento de Esperanto».

Valencia'a Esperantista Grupo Komencis la instalaĵon en la Valencia'a Ekspozicio de ĉiuj esperantaĵoj, kiujn ĝi havas. Ĝi danke akceptos kiujn ajn esperantajn kuriozaĵojn, kiujn, kondiĉe redoni, se oni tion volas, oni sendos al ni.

que tendrá lugar el 31 del próximo Agosto y lo envió á los grupos esperantistas de todas partes. El periódico francés «L'Autunois» de Autun y otros, dan noticias de él, y alaban la utilidad del esperanto.

El grupo de Barcelona «Esperanta Frateco», ha abierto el 12 de Junio último un curso gratuito que explica el señor A. Melis, en el Centro democrático republicano federal.

El Ateneo obrero de Manresa nos ha invitado á asistir á los exámenes que allí se verificarán. Agradecemos muchísimo la atención.

Los magníficos artículos de «El Castellano» y «El Diario de Burgos», dando á conocer nuestro 5.º Congreso, han sido reproducidos por casi todos los periódicos españoles. De ellos los locales, los de Barcelona, no cesan la propaganda.

Uno de los más modestos esperantistas españoles, uno de los primeros apóstoles, y todavía y siempre apóstol, procura que el doble apóstol padre escolapio Sr. Mariano Planas predique en algún acto religioso del quinto Congreso. Nos sería inmensamente agradable, que se alcanzara eso, que es nuestro deseo.

Un nuevo colega español tenemos en la liza; «Nova Sento» es su nombre, Esperantuyo y Bilbao su patria.

Cariñosísimamente felicitamos al simpático hermano que comienza su vida saludando á nuestro glorioso maestro, á la prensa esperantista y á todos los que pacíficamente expresan su incondicional fidelidad al «Fundamento de Esperanto».

El Grupo Esperantista de Valencia ha empezado la instalación en la Exposición Valenciana de todos los objetos que de Esperanto tiene. Con agradecimiento aceptará toda curiosidad de Esperanto que se nos envíe, á condición de devolverse, si así se desea.

# Universala Esperanto Asocio

Ĝia regularo estas vasta, kaj tial ni ne publikas ĝin, sed ni altiras la atenton de tia Societo pri kiu oni povas peti sciigojn de la gazeto Esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg. Geneve, kaj kies celo estas utilega al Esperanto kaj al geesperantistoj.

# Lingva Komitato

La Esperantista Akademio eldonis la raporton de profesoro Th Cart, direktoro por la komuna vortaro; ĝi enhavas tabelon de ĉirkaŭ 800 novaj radikvortoj kun kvinlingva traduko. Tiu tabelo estas nun submetata al la aprobo kaj kritiko de la Lingva Komitato kaj la vortoj akceptataj estos aldonataj al nia universala vortaro.

# Bibliografio

Estas ricevita en nia redakcio la unua ŝakverko esperante redaktita, kies titolo estas *Sesdek Ŝakproblemoj*, verkita de la lerta hispana ŝakproblemisto sinjoro Jozefo Paluzie.

Tial, ke la graveco de tiu kurioza verko postulas tralegi ĝin atente, ni promesas tion fari kaj raporti detale pri ĝi plej baldaŭ.

Estu ĉi tiuj linioj nur ricevatesto de tiu beleldonita verko.

Ni estas ricevinta broŝureton, kies titolo estas «La Vizio de la Poeta», verko de Ŝia Moŝto, La Reĝino Elizabeto de Rumanujo (Carmen Silva), tradukita de S-ro Kasimir Eucharis.

Tiu ĉi libreto estas vendata por profito de la propaganda inter la blinduloj, po 2 pencoj, ĉe Centra Angla Esperantejo, 17, St. Stephens Square, Bays-Water, London W.

Pri ĝi, ni diras kun nia kara majstro:

«La Ĉarman Esperante tradukitan fantazion de la Reĝino-Poetino, «La Vizio de la Poeto», mi legis kun granda plezuro. Pri sia propra beleco kaj pro la nobla celo al kiu ĝiaj enspezoj estas servontaj, la verketo sendube trovos tre multe da aĉetantoj».

# Barcelonana ekskurso al Taragono

Je la honoro de la novaj grupoj esperantistaj «La kvinpinta stelo» kaj «Taragono Esperanta», kelkajn barcelonaj samideanoj aranĝis maran ekskurson en la bela vaporŝipo «Villa de Soller», ĉe Taragona, la pasinta 11ª tago de la julia monato.

La numero da ekskursanoj estis granda, ni iris je 400 esperantistoj.

Ĉe Taragono, la autoritaĵoj invitis kaj akompanis nin viziti la belaĵojn de la urbo tiel, kiel La Diabla Ruto, Katedralo, Museo, k. t p., kaj je unua postagmeze niaj samideanoj Ribera kaj Bravo invitis nin iri ĉe la granda hotelo Continental, kie ili aranĝis tre belan festenon por ni. Prezidis la festenon la delegitoj de la autoritataj, gesinjoroj Pujula, S-roj Sabadell, Vidal kaj Bravo.

Je la kvara vespere okazis granda akcepto en honoro de la barcelonaj esperantistoj en la urbadomo. Tie parolis la urbestro, kaj la urbkonsilano S-ro Nel-lo, S-ro Pujula kaj lia ĉarma edzino, S-roj Soler, Sabadell, La Fuente, Vidal, Anton, k. t. p.

Poste oni dancis «La Rondon», balo de la Vª Kongreso kaj je la sepa vespere ni en ŝipigis kaj foriris al Barcelono.

La festo estis tre bela, kaj ni, de tie ĉi, dankas la organizantojn S-roj La Fuente, Bravo, Pascual kaj Ribera.

MALKORAĈULO.

# Spritludoj kaj Diversaĵoj

**Sub la redakcio de Novejarque (Anĝelo)**

## KONGRESA SPRITLUDO

(Al la partoprenontoj de la Kvina Internacia Kongreso de Esperanto mi dediĉas ĉi tiun *Spritludon*).

| | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| L | ★ | S | ★ | ★ | ★ | H | ★ | ★ | ★ | A | ★ | ★ | ★ | A |
| L | ★ | T | ★ | S | ★ | A | ★ | A | ★ | T | ★ | P | ★ | E |
| N | ★ | N | ★ | ★ | ★ | N | ★ | E | ★ | A | ★ | ★ | ★ | N |
| A | ★ | N | T | E | ★ | N | ★ | C | ★ | A | K | O | ★ | G |
| R | ★ | S | ★ | ★ | ★ | E | ★ | ★ | ★ | R | ★ | ★ | ★ | O |

Anstataŭu la *steletojn*, kiuj formas la kvarciferan nomon de la *nuna jaro (1909)* per literoj, tiamaniere ke, poste ĉiuj literoj legataj laŭhorizontale donu «*dediĉesprimon*».

---

## HIEROGLIFO

| | | | |
|---|---|---|---|
| BESTO | PREPOZICIO | NUMERALO | KONSONANTO |

*Rimarkoj.*—La *solvojn* de tiuj ĉi *Spritludoj* ni presos en nia venonta numero.

Ni publikigos la *nomojn de la solvintoj*, (kiuj ĝustatempe sendos sian solvon), en nia postvenonta numero.

La solvoj devas esti sendataj poŝtkarte.

---

### Solvoj de la Spritludoj de la Julia numero

De la *Akrostika versaĵo:*

La versaĵo estas tiu publikigita en la verko «Prozo kaj Versoj», de S-ro Inglada, titolita:

REDONOTA KISO

**VI** estis prava, jes, indignegante  
Ĉar en konversa**C**i'  
Mi profitis sol**E**con vin kisa**NTE**  
En ama senkonci',

Via koler' fel**I**ĉe tuj foriris  
Da**N**k' al **G**a**LA**nteri',  
«Vi ne volas la kison?—mi nur diris—  
Re**D**onu ĝin **A**l mi!»

La dikaj literoj esprimas la nomon de la aŭtoro de la versaĵo:

**VICENTE INGLADA**

(Legu ilin samorde).

De la *Hieroglifo*:

(Super E Co) Supereco.

---

**Solvintoj de la Spritludoj publikigitaj en la Junia numero**

De la *Hieroglifo*:

F-ino Ludovikino Beltrán Torrella.

---

PENSO

La plej mallonga vojo por riĉiĝi estas malestimi la riĉaĵojn.—*Seneko.*



ANEKDOTO

*Karolo XII-a kaj lia Sekretario.*

Karolo XII-a, la kuraĝa reĝo de Svedujo, diktis leteron, en sia tendo al unu el siaj sekretarioj. Bombo falis sur la tendon kaj eksplodis apud la sekretario, kiu ĉesis skribadi.

—Kio okazas?—lin demandis la juna reĝo.

—Sed, Via Moŝto... la bombo!

—Kaj kio rilatas la bombo kun la letero, kiun mi diktadas al vi? Daŭrigu!



SPRITAĴO

*Singardema amanto.*

Aktorino petas de ŝia amanto multekostan juvelon.

—Vi ĝin havos —diris la amanto— sed kondiĉe, ke vi ne surportu ĝin dum la teatraj prezentadoj.

—Kial?

—Ĉar mia edzino eksciiĝis pri nia amikiĝo kaj se ŝi vidus ĝin...

—Kio okazus?

—Ke ŝi povus peti de mi alian similan juvelon!...



KURIOZAĴO

La virinoj, laŭ specialisto, havas ĝenerale la haron pli maldelikata ol la viroj.

Tradukis esperanten, *Novejarque* (*Anĝelo*).

---

# Koran dankon!!!

## A la multlegata, bonhumora kaj satira hispana gazeto GEDEON

Pli konvinkiĝe ol iam, mi konjektas nun, ke Esperanto tre baldaŭ enradikiĝos en Hispanujo. La fortaj muroj de la indiferenteco bruege disfalas antaŭ la penetranta borilo de nia homama entrepreno.

Unu el la gazetoj plej legataj el Hispanujo, la sprita *Gedeón*, publikigis bonhumoran artikoleton pri Esperanto kaj la internacilingva problemo. Ni tre dankas la simpatian *Gedeon'on* pro la atento kaj propagando, kiun ĝia artikolo faros inter ĝiaj multenombraj legantoj, sed nur ni bedaŭras, ke nia estimata *Gedeón* ne estu pli kompetenta pri nia belsona lingvo, ĉar tiaokaze ĝia artikoleto sendube estus estinta pli sprita ol ĝi estas.

Ĝian nescion pri la bonecoj de Esperanto ĝi elmontras per la skeptikopinio, kiun ĝi havas koncerne la efektivigon de nia entrepreno.

Bedaŭre ankaŭ estas, ke la spritega *Gedeón* falas en la saman malpravecon, kien falis aliaj malpli spritaj ol ĝi, kredigante la *jaman universalecon de la franca lingvo.*

*Gedeón* publikigas, kiel specimenon de nia lingvo, la nomojn de la tagoj kaj numeraloj en esperanto, kaj jen, ĝi elmontras ankoraŭ unu fojon sian nescion pri esperanto, ĉar kelkaj el tiuj vortoj estas erare presitaj. Se oni prezentas akzemplon al la nekompetenta publiko kaj tiu estas erarplena, kiel juĝi la aferon!!!? Mi rimarkigas tian fakton, ĉar aliaj Esperanto-kontraŭaj artikoloj, *malice* aŭ *nevole* ankaŭ faris la samon.

Pri la efekton kaŭzanta la klasikaj literaturaj verkoj tradukitaj esperanten, mi devas diri la jenon; unue, la fakto ne montris la pesimismon de *Gedeón*, kaj due, lingvo internacia nur celas antaŭ ĉio plenumi la necesajn rilatojn inter homoj diverslingvulaj sen literatura aspiro; des pli, Esperanto jam pruvis, ke inter aliajn bonajn ecojn, ĝi posedas ankaŭ la literaturan.

Ĉiel, ni redankas la interesan kaj bonhumoran *Gedeon'on*, pro la propagando, kiun en Hispanujo faros por Esperanto ĝia artikoleto, kaj mi finas rekomendante al *Gedeón*, same kiel al ĉiuj, faru la eblon por ĉeesti la Barcelonan Esperantistan Kongreson en Septembro.

Mr.

# Internacia Asocio de Arbaristoj

Estas fondita por la progresado de la Arbara Scienco kaj por la instruado de ĝiaj anoj en la teorio kaj praktiko, por la diskutado de teknikaj kaj profesiaj temoj kaj por faciligi la interkonadon de arbaristoj de la tuta mondo. Jam aliĝis multaj Inĝenieroj-Arbaristoj de Kanado, Usono kaj kelkaj en Eŭropo. La aktivaj anoj pagos jaran kotizaĵon de 4 spesmiloj (10 frankoj) kaj la studentoj nur 2 Sm. nun sendotaj al provizora kasisto «Inĝeniero sinjoro Ellewood Wilson, The Laurentide Paper Company Ltd- Grand' Mére. P. Q.- Canada-» al kiu oni povas peti informojn, kiel ankaŭ al S-ro Codorniu- Str. Lealtad, 5 kaj 7, Madrid, Hispanujo».

## ANONCOJ



*Alvoko al la Junuloj.*—La Grupo Esperantista Henri IV, fondita en Parizo antaŭ 6 monatoj, kaj celanta la propagandon de Esperanto inter la Junuloj, rapide progresas. Ĝia honora prezidanto estas Dro. Zamenhof mem, ĝia honora komitato enhavas S-rojn E. Boirac, C. Bourlet, Th. Cart, R. Pichon, P. Pierrotet. En Parizo, la grupo havas 3 sekciojn dependantajn de ĝi, kaj fariĝontajn memstaraj grupoj, kiam ili pose-

dos 10 membrojn. En Provinco ĝi organizas nun enketon por la fondo de «Franca Federacio de la Junaj Esperantistoj». Estas neutile insisti pri la graveco de tiu agado; kies sukceso alportos al Esperanto fortan antaŭenpuŝon, sed por sukcesi la Grupo Henri IV bezonas la helpon de ĉiaj junuloj. Ĝi do petas ĉiujn junajn samideanojn interrelatiĝi kun ĝi, sendante informojn, avizojn, k. t. p. al kiuj la Grupo ĉiam respondos. Sin turni al la prezidanto, S-ro Duward, 152, B.ª Raspail, Paris, aŭ al la sekretario H. van Etten, 10, rue Vivienne, Paris.

---

*Alvoko al la Progresemuloj.*—Ni konigas al vi la fondon de Asocio, kies nomo estas «Esperantista Laboristaro», kaj kies celo estas propagandi Esperanton en la laboristaj medioj (socialistaj grupoj, sindikatoj, kooperativoj). Nia ambicio estas krei en ĉiu lando sekcion aŭ filion de nia E. L. Estas necesege grupigi ĉiujn fortojn por veki la indiferentulojn kaj triumfigi niajn sociajn ideojn uzante Esperanton en niaj internaciaj rilatoj.

Ĉiuj interesatoj petu la regularon al la «Esperantista Laboristaro», 23, rue Boyer. Paris.—Francujo.

---

Dum la monatoj Aŭgusto kaj Septembro okazas en nia lando en la plej multo el la urboj, urbetoj, kaj vilaĝoj, la ĉeffesto, kiaj precipaj okazantaĵoj estas diversaj ludoj, bicikletkuradoj, piedkuradoj, konkursoj ĉiaspecaj, baloj, levigo de aerostatoj, artifikaj fajroj, disdono de premioj al gelernantoj, k. c.

La 15ªⁿ de Aŭgusto okazos la ĉeffesto en nia eksurbo Gracio (nuntempe kvartalego de Barcelono); ĝi estas el la plej rimarkindaj el nia lando. Preskaŭ ĉiuj stratoj restas ornamitaj, kelkaj el ili arte kaj bonguste.

Ni volas profiti tiujn tagojn por propagandi nian lingvon; tial ni organizas esperantan ekspozicion, sed por ke ĝi sukcesu ni bezonas la helpon de ĉiuj. Tial, do, ni petegas al ĉiuj esperantistoj, esperantaj societoj, esperantaj presejoj, firmoj, gazetoj, aŭtoroj de esperantaj verkoj, k. c., ke ili bonvolu sendi al ni iajn ajn esperantaĵojn, librojn, broŝurojn, gazetojn, gvidlibrojn, katalogojn, poŝtkartojn, ĉiaspecajn anoncilojn, fotografaĵojn kun subskriboj, regularojn de esp. societoj, membrokartojn, sigelojn, k. c.; ĉion ni dankege akceptos kaj ĉio estos videbla ne nure de la ĉeestantoj en la ĉeffesto, sed de ĉiuj urbanoj kaj ĉiuj kongresanoj de la Vª, ĉar la ekspozicio restos malfermita de la 15ª de Aŭgusto, unua tago de la ĉeffesto, ĝis la 15ª de Septembro, tri tagoj post la Kongreso. Ni atentigas ĉiujn amantojn de nia lingvo pri la graveco kaj akurateco de tiu fakto. Ĉiu, kiu bonvolos helpi nin pri tio, sin turnu al Esperanta Societo «Paco kaj Amo», Strato Angel, 67, 2.º.—Barcelona-Gracia (Hisp.).

Esperante ke niaj samideanoj ne lasos nin izolitaj, ni kore ilin antaŭdankas pro ilia ricevota helpo.—Je nomo de la Societo, la Sekretario, *M. Fernández.*

---



---

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.